Unua Numero Januaro 1932

# La GAZETO de la XXIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo : 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932

Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz
Teknika Direktoro : L. N. Newell

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Elysées
PARIS-VIIIe

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.



## KONGRESA MITOLOGIO

Ĝenerale oni konsideras niajn kongresojn kiel estaĵojn mallongvivajn. Ili aspektas belaj, brilaj, gajaj papilioj, — sed papilioj, kiuj mortas jam post ok tagoj da vigla flirtado.

Verdire niaj kongresoj vivas pli longe : almenaŭ unu jaron. Sed estas ankaŭ fakto, ke la plej granda parto de tiu ĉi kongresvivo estas nepublika. Ĝi estas embria.

Por bone kompreni la embrian vivon, necesas scii, kiamaniere niaj kongresoj naskiĝas.

Ĉiu nia kongreso havas mirindan similecon kun la legenda cigno, kiu, antaŭ ol morti, aŭdigas sian unuan kaj samtempe adiaŭan kanton. Nur kun tiu ĉi diferenco, ke anstataŭ kanti, nia kongrescigno, antaŭ ol malaperi definitive en la tomban silenton de l' arĥivoj, metas unu ovon. Kaj el tiu ĉi ovo elsaltos poste, triumfe disrompinte la ŝelon, la nova kongreso.

Konklude, mallonge kaj resume : okaze de la lasta kongreso en Krakovo la prezidanto de la Pariza Grupo, s-ro G. Warnier, samtempe reprezentanto de la francaj Esperantistoj, ĉe la ĝenerala lotumado gajnis la ovon. Fiera kaj feliĉa li kunportis ĝin hejmen, al Parizo, zorgeatente, zorge-atente, des pli, ke la urbo, en kiu li ricevis la ovon, per sia simbola nomo konsilis prudenton ! Miaj bonaj geamikoj, ĝoju, ĉar la kongresovo alvenis en Parizo senkrake.

En Parizo oni tuj interesiĝis pri la ovo.

Kompetentuloj jam pretendas, ke la XXIV-a estos belega kaj faros multe da bruo (favore al nia movado). La francaj Esperantistoj konscias sian devon. La parizanoj akceptas la taskon. La parizanoj... Miaj bonaj geamikoj, ne juĝu ilin nur laŭ ilia frivolaspekta eksteraĵo. Ni, parizanoj, humile konfesas, ke ni estas gajaj homoj. Kial altrudi al ni la rigidan maskon de funebraj tragediherooj, se estas nia celo : krei ĝojon, organizi triumfon ? Tion dirinte, ni revenu al nia mitologio.

Necesis nun, — tion vi komprenas,

— necesis nun elkovi la ovon. Kovadi seninterrompe dum unu jaro. S-ro G. Warnier, kies multflanka aktiveco estas admirinda, tutsola certe ne sufiĉus. Tial oni starigis la Lokan Kongresan Komitaton (L. K. K.). La membrojn de tiu ĉi L. K. K. ni prezentas al vi aliloke. Ĉiu el ili estas homo hardita ; ĉiu havas siajn meritojn, siajn talentojn. Ĉiu estas kaj estos utila. Tial, miaj bonaj geamikoj, ni faru al ili krediton. Ni ne ĝenu ilin per antaŭtempa kritiko. Nek per bagatelaĵoj. Se pri kelkaj punktoj vi estas scivolaj, turnu vin pere de la *Gazeto de la XXIV-a* al nia Kongresa Kuriero, kiu jam en tiu ĉi numero montras al vi *ekzemplojn de demandoj, kiajn oni prefere evitu.* Kaj oni respektu la kreantan agadon de la L. K. K. Super la pordo de ĝia kunvenejo, — tion almenaŭ supozu — staras la vortoj :

Silente, senbrue !
Ĉi tie oni kovas.

Nun, pacience kaj fide, ni atendu la miraklon. Jam ĝi bone antaŭanoncas sin. Neniam (ĉu ne ?), neniam oni aŭdis pri koko, kiu alproprigis al si rolon ĝis nun rezervitan ekskluzive al kokinoj. Neniu koko kovadas, krom ... la L. K. K. Miaj bonaj geamikoj, la miraklo komenciĝis.

R. S.

---

# NIA TITOLO

La titolo de la januara numero de la *Gazeto de la XXIV-a* estas speciale kompostita kaj kliŝigita de la fama fandejo, Deberny et Peignot.

La karaktero uzata estas *Astrée,* kiun desegnis en 1912 s-ro Girard, nun administranto de tiu firmo ; ĝi estas bazita sur la malnova karaktero *Ancien* de la fandejo Deberny, sed estas pli dika ol ĉi tiu : la celo estas imiti la efekton de la malnova preso sur malsekigita papero, sed sen la neregulaĵoj kiujn oni trovas en la presliteroj de la malnovaj fandistoj.

Ni intencas uzi novan preskarakteron por nia titolo ĉiumonate, por doni al niaj legantoj tipajn kaj belajn specimenojn de la franca presarto.

# Blindula Kongreskaso

Nia dudekkvara havas, koncerne la blindan samideanaron, tute apartan, sanktan signifon. Efektive, Parizo estas kvazaŭ la lulilo de ilia emancipo. Tie, je la fino de la XVIII-a jarcento, Valentin Haüy edukadis la tutmondan, ĝis tiam nur almozulan, blindularon. Tie, antaŭ unu jarcento, Louis Braille, mem blinda, naskis sian genian nun universale alprenitan, punktalfabeton. Kaj, fine, en Parizo, je la komenco de l' nuna jarcento, la « dua patro de Esperanto, Paĉjo de l' Blinda Esperantistaro », nia kara profesoro Théophile Cart, kun helpo de pacaj batalantoj, brajligis la unuajn lernolibrojn en diversaj lingvoj kaj fondis brajlan revuon *Esperanta Ligilo,* por ebligi al la nevidantaro tutmonda harmonie kaj fruktodone unuigi siajn fortojn je la profito de si mem kaj ankaŭ de l' tuta homaro.

Mirinde kaj rapide kreskadis la blindula afero, per obstina laboro de l' blindaj Esperantistoj kaj konstanta helpo de l' tuta Esperantistaro. Ili jam renkontiĝis, de la mondmilito, ĉe dek niaj universalaj kongresoj. Kaj ili ĉiuj tiel disvastigadis tra sia faka mondo nian internan ideon, ke nun esplodadas tra la tuta terglobo pli kaj pli fortaj vokoj, kiuj postulas tujan starigon de tutmondaj « porblindula oficejo » kaj « blindulara federacio ». Kun helpo de usonaj riĉaj blindulamikoj, en lasta aprilo, okazis en Novjorko Mondkongreso, dum kiu oni decidis starigi en Parizo la du menciitajn organizaĵojn. Tial « Universala Asocio de blindaj Esperantistoj » fariĝis « Universala Asocio de Blindulaj Organizaĵoj », kiujn ĝis nun aliĝas nur kelkaj naciaj organizaĵoj, precipe tiuj de malgrandaj kaj malriĉaj landoj. Kvankam ĉiuj gravaj blindulorganizaĵoj ja monhelpadas la multvaloran *Esperantan Ligilon,* tamen la plej influaj blindulkondukantoj ankoraŭ hezitas alpreni Esperanton, kiel solan laŭstatutan lingvon de l' tutmonda kunlaborado blindula kaj porblindula. Tiajn lastajn hezitojn tuj forigos la unua Kongreso de Universala Asocio de Blindulaj Organizaĵoj, se ĝi estos grandioza sukceso, t. e. se ĝi evidentigos al skeptikuloj la nekompareblan taŭgecon de nia kara helplingvo. Por blindige alporti tiel decidigan pruvon, mankas al niaj blindaj samideanoj nur iom da mono (ĉar, plejmulte, ili estas pli riĉaj je bonvolo, ol je mono).

Tial,. la Loka Kongresa Komitato ne nur donacos senpage la kongres-karton al ĉiuj blindaj kongresanoj kaj ties vidantaj gvidantoj, sed ankaŭ decidis starigi blindulan kason por helpi niajn malriĉajn kaj kuraĝplenajn nevidantajn fratojn partopreni nian XXIV-an en urbo, kiu ja por ili estas vere Lumurbo.

A. Masselier.

# PARIZO POR KOMENCANTOJ

Gesinjoroj, mi havas la taskon diri al vi kelkajn vortojn pri Parizo, nia nunjara kongresurbo. Tio estos nur kelkaj modestaj rimarkoj de eksterlandano, kiu havis la plezuron vivi en tiu urbo dum kelke da jaroj kaj iomete observi ĝin. Por skribi kompetente pri la *Ville Lumière,* oni devas esti ne nur franco, sed esti Victor Hugo, kaj eĉ ... vi certe renkontos personojn, kiujn Victor Hugo ne kontentigis.

Parizo estas agrabla loko por resti en ĝi. Se vi vizitas ĝin unuafoje, vi facile konvinkiĝas pri tio. Se vi jam estis tie, oni ne bezonas tion diri al vi. En Parizo estas agrable manĝi kaj trinki (ĉar oni konsumas bonajn produktojn), estas agrable promeni (ĉar ĉie vi rimarkas ion belan aŭ interesan), kaj estas agrable resti hejme (ĉar vi estas ĉirkaŭita de plaĉaj kaj utilaj objektoj guste dislokitaj). Tie estas ankaŭ agrable fari aliajn aferojn, laŭ propraj inspiro kaj respondeco. Mi tamen devas konfesi al vi, ke mi renkontis personojn, kiuj ne estis kontentaj. Ili diris, ke ili manĝis malbone, kaj ke la stratoj estas malpuraj. Nu, por havi konvenan menuon, oni devas elekti ĝin laŭ sia stomako. Al ĉiuj taŭgas la sekvanta :

| | |
|---|---|
| Buljono | *Consommé* |
| Omleto [1] | *Omelette nature* |
| Bovida Kotleto | *Côte de veau* |
| Pizoj | *Petits pois* |
| Kompoto | *Compote* |
| Fruktoj | *Fruits* |

Francajn vinojn (la ruĝajn kaj la blankajn) iu ajn povas trinki sendanĝere. Vi faros saĝe, se vi uzos abunde da ili, kaj evitos *apéritifs* kaj *liqueurs,* kiuj, se ili intensigas vian gajecon, samtempe tamen malgrandigas vian perceptkapablon. [*Dankon ! — La Red.*]

Kaj, pri la stratoj mi respondis : « Kial vi rigardas nur tion, kio estas sub viaj piedoj ? Rigardu ankaŭ iom ĉirkaŭ vi kaj, iafoje, super vi. »

Vi devos unue rigardi super vi, kiam vi volos vidi la Eiffel-turon. La Eiffel-turo estas monumento nepre vidinda, antaŭ ĉio alia, de ĉiu eksterlandano noveveninta Parizon. Eĉ pursanga usonano de Novjorko eksentas antaŭ ĝi intiman emocion. Kaj mi subaŭdis, ke dum la kongrestagoj, la turo surportos la verdan flagon. Notu tamen, ke je tiu alteco de 300 metroj, la koloroj jam ofte miksiĝas.

Kiam vi estos satigintaj viajn okulojn rigardante sub viajn piedojn de la supro de l' turo, vi povos malsupreniri ĝin. Per lifto aŭ piede. Sed mi avertas : estis iam kun mi ĉe la supro eminenta Esperantisto, kiu decidis malsupreniri piede. Uzinte mem la lifton, mi sube dum unu horo atendis lin vane. Kiam ni renkontiĝis post kelkaj tagoj, ni ambaŭ (pro ĝentileco) ne aludis plu tiun ekskurson.

Malgrimpinte sukcese la turon, kontenta pri la bone plenumita devo, vi povos komenci viziti la urbon. Vi rekonstatos tiam, ke homoj, kiuj ĵus ŝajnis formikoj, havas proksimume vian propran staturon. En Parizo vi renkontos certe individuojn de ĉiuj rasoj kaj haŭtkoloroj, kaj ankaŭ viajn samlandanojn. Sed la plej multnombraj estas tamen la francoj. Mi ne dubas, ke venante en la ĉefurbon de Francujo, vi ŝatos ilin ekkoni. Vi rimarkos facile, ke la francoj estas ĝenerale popolo tre ĝentila kaj diskreta. Ili ne faros kutime multon da bruo ĉirkaŭ sia persono. Tial por fari konatecon, vi montros la unua la interesiĝon. Kaj, plej ofte, vi estos poste tute kontenta.

Por la personoj, venantaj el tre malproksimaj landoj (Esperantujo ekzistas ja ĉie), ŝajnas utile aldoni, ke Francujo estas jam delonge respubliko. Kvankam do vi nomas kelneron en restoracio



LA PREĜEJO SACRÉ-CŒUR

(1) Ovajo.

kaj serviston en hotelo *garçon* (knabo), bonvolu memori, kara antipodulo, ke ili estas samrajtaj personoj kiel vi mem.

Vi povas iam ankaŭ, simpatia leganto, se vi venas el la puritanaj terpartoj, kie vortoj korespondas ekzakte al agoj, esti ĝenita pro libereco de esprimoj. Tiam konsideru, ke iom da rido estas afero utila al bona digesto. Sed gardu vin, ke vi ne prenu la ŝercojn serioze aŭ, precipe, ke vi ne volu superi per sprito la parizanon. Tio sukcesas nur tre malofte kaj al tre malmultaj esceptuloj post longa kaj klopodiga studado.



LA PANTEONO (PANTHÉON)

Kiam vi estos farinta la neceson por prepari vian sintenon kontraŭ homoj, vi devas pripensi vian sintenon kontraŭ aŭtomobiloj. Principe ili iras pli rapide ol vi. Se vi transiras straton, rigardu maldekstren ĝis la mezo de la vojo, poste rigardu dekstren. Sed en kelkaj stratoj la veturiloj venas ĉiam de la sama direkto. En pli trafikplenaj lokoj, vi sekvos la vojon inter grandaj blankaj najloj, se vi ne volas havi malagrablaĵon de policano. Ĉefe, neniam perdu la kapon, ne tro rapidu, restu kuraĝa, kaj vi konstatos, ke tiu sporto prezentas ankaŭ certan ĉarmon. Sed mi petas, ne venu Parizon per via propra aŭtomobilo. Ni havas ĉi tie sufiĉe da ili.

JAN KOSTECKI.

# Kuriero de la Kongreso

*Multaj demandoj jam alvenis al ni. Neeble estas respondi letere al ĉiuj. Tial ni lasis ĉi tie angulon, kie la Kongresa Kuriero, nia amiko Jean Marchand, provos kontentigi la normalan scivolemon de aliĝintoj aŭ aliĝemuloj.*

S-ro D. H. (Anglujo) : « Kial la proksima Kongreso okazos en Parizo ? »

Bonvolu informiĝi ĉe via grupsekretario. La historio de la Esperanta movado estas longa, longa. Ni ne disponas pri sufiĉe da loko.

S-ro C. W. (Belgujo) : « Ĉu ne ekzistas Esperanta doganisto, kiu povos ebligi sekretan enironde tabako, ĉe la landlimo ? »

Multan bedaŭron, sed ni ne konas. Cetere la franca tabako estas tre bongusta.

S-ro C. Z. (Polujo) : « Kiom da kongresanoj ĉeestos la XXIV-an ? »

Respondota la 6-an de proksima aŭgusto. Havu paciencon. Kaj sendu vian kotizon ; tiamaniere, estos minimume unu aliĝinto.

S-ino H. M. (Germanujo) : « Kiam aperos la dua numero de la *Gazeto de la XXIV-a Kongreso* ? »

Post la unua, antaŭ la tria. Ni estas ordemaj homoj.

S-ro E. T. (Hispanujo) : « Mi estas embarasata. Bonvolu klarigi al mi, kiel oni iras Parizon ! »

Per vagonaro, ĝenerale. Esploru la horaron de la fervojo !

S-ro Y. S. (Svisujo) : « Ŝiuj ĉjar berzone at praŭtsina oftu voln ? »

Bonvolu rekopii vian demandon per skribmaŝino. Ni provos respondi al vi, se ni komprenos.

S-ro L. W. W. (Anglujo) : « Ĉu la karavano al la tombo de Napoleon I-a ricevos la permeson malfermigi la ĉerkon ? Estus interese ! »

Ni dubas !

S-ro E. F. (Paris) : « Kiojn estos la dimensoj de la insigno da la Esperanta XXIV-a Kongreso de Esperanton ? »

La problemo ne estas jam solvita. Cetere, ĝi estas nur duaranga, eble eĉ triaranga. Ni sendas al vi gramatikon.

S-ro C. H. (Novhebridoj) : « Ĉu vere la parizanoj marŝas sur la kapo ? »

Nu, jes ! Sed, nur kelkaj, kiuj estas akrobatoj en la cirkoj.

F-ino V. V. (Italujo) : « Kiuj estas la membroj de la L. K. K., kiuj ne estas jam edziĝintaj ? »

Tio dependas. Sendu fotografaĵon. Ĉu vi posedas bankkonton ?

J. M.

# LA XXIV^A UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien; Kasisto, Lucien Tuleu; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongresa Oficejo** *(adreso por ĉiuj korespondaĵoj)* : La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, Maison de France, 101, avenue des Champs-Elysées, Paris-VIII.

**Komisionoj de la L. K. K. :** La L. K. K. starigis diversajn Komisionojn por priatenti specialajn fakojn en la organiza laboro. La sekvantaj jam funkcias :

Komisiono pri Instruado : Prezidanto, Jean Marchand (adreso : 49, avenue de Verdun, Issy, Seine).

Komisiono por Ĝenerala Reklamo : Prezidanto, Eloi Alary (adreso : 1, rue de Cronstadt, Bécon-les-Bruyères, Seine).

Komisiono por la Alilanda Gazetaro : Prezidanto, S. Grenkamp (adreso : 117, boulevard Jourdan, Paris-XIV).

Radio-Komisiono : Prezidanto, Henri Favrel (adreso : 27, rue Pierre-Guérin, Paris-XVI).

Komisiono por Rilatoj kun Kongresaninoj : Prezidantino, s-ino Georges Warnier (adreso : 5, rue Claude-Chahu, Paris-XVI).

Komisiono por Vojaĝoj kaj Ekskursoj : Predanto, Int.-Gen. L. Bastien (adreso : 116, rue de Vaugirard, Paris-VI).

Komisiono pri Fakaj Kunvenoj : Prezidanto, Célestin Rousseau (adreso : 2, rue Alfred-de-Vigny, Bécon-les-Bruyères, Seine).

**Banko :** La Société Générale (agence K), Paris (Konto N° 10.115). Ĉekoj estu pagotaj al la « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto. »

**Poŝtĉeka Konto :** El multaj landoj estas plej oportune pagi sian kotizon per poŝta ĉeko. Oni adresu al « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris 1647-59. »

**Kotizoj :** Oni vendos aŭkcie kongres-karton N° 1 ; ĝis nun la plej alta propono estas du mil francaj frankoj.

Kongres-kartoj 2 ĝis 10 estas rezervitaj por la membroj de la familio Zamenhof.

Kongres-kartoj 12 ĝis 100 inkluzive kostos po mil francaj frankoj.

Kongres-kartoj de 101 ĝis la fino kostos po 125 francaj frankoj.

**Junulaj Membroj :** Gejunuloj, kiuj havos ne pli ol 17 jarojn ĉe la 1-a de aŭgusto 1932, povas ricevi junulan kongres-karton po 30 francaj frankoj. Ili rajtos ricevi senpage la kongresan gazeton, sed ne la aliajn kongresajn dokumentojn.

**Plialtigo de Kotizoj :** Post la 1-a de julio 1932 oni altigos la ordinarajn kotizojn po 125 frankoj; do post tiu dato, la kotizo estos 200 frankoj. Simile, post tiu dato, la kotizo por junulaj kartoj estos 60 frankoj.

**Blinduloj :** Oni donos senpagajn kongreskartojn al Esperantistaj blinduloj kaj po unu al ties gvidantoj vidantaj.

**Donacoj :** La L. K. K. tre danke akceptos donacojn por helpi pri la grandaj elspezoj de la Kongreso. Je la fino de decembro 1931 la Donaca Kaso sumas 264 fr. 75.

**Blindula Kaso :** La L. K. K. starigis Blindulan Kason por helpi blindajn Esperantistojn ĝui la Kongreson, kaj danke akceptos donacojn por tiu celo. Je la fino de decembro 1931 tiu Kaso sumas 71 fr. 25.

**Garantia Kaso :** La L. K. K. starigis Garantian Kason por saldi eventualan deficiton de la Kongreso. La minimuma garantio por ĉiu subskribanto estas 500 fr. Je la fino de decembro 1931 tiu Kaso sumas 120.000 fr.

**Fervojaj Rabatoj :** Diversaj naciaj asocioj klopodas por ricevi specialajn rabatojn sur fervojoj por kongresanoj. La koncernaj asocioj estas petataj komuniki tuj kun la Ĝenerala Sekretario de la Kongreso. Ĝis nun la sekvantaj rabatoj estas jam akiritaj :

Francaj fervojoj : 50 % por ĉiu ir- kaj revenbileto, por la veturado en Francujo. Ĉar la kongresanoj devas tamen pagi imposton ŝtatan, ĉi tiu rabato efektive reduktiĝas al 42 ½ %. La rabato validas de la 25-a de julio ĝis la 16-a de aŭgusto inkluzive.

Belga Fervoja Administracio : 35 % de la 15-a de julio ĝis la 31-a de aŭgusto.

Belga Marvetura Administracio : 30 % por la ir- kaj reven-bileto Dover-Ostende, de la 15-a de julio ĝis la 31-a de aŭgusto.

Ĉeĥoslovakaj Fervojoj : 33 ⅓ %. Ĉi tiu rabato validos tri monatojn.

La L. K. K. publikigos pli precizajn detalojn post nelonge, kun informo pri eventualaj aliaj rabatoj. Mendilojn por rajtigiloj la L. K. K. dissendos al ĉiuj kongresanoj kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso.

**Vizoj :** La L. K. K. klopodas por havigi laŭeble al kongresanoj senpagajn vizojn por eniro en Francujon.

**Kongresa Gazeto :** La L. K. K. eldonas la *Gazeton de la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto.* Ĝi estas sendata senpage al ĉiuj kongresanoj. La ĉefredaktoro estas la fama aŭtoro, Raymond Schwartz, kies nomo garantias interesan gazeton. Oni sendos la jam aperintajn numerojn al ĉiu kongresano ĝis elĉerpiĝo de la ekzempleroj.

**Karavanoj :** En diversaj landoj oni organizas karavanojn al la Kongreso. La organizantoj estas petataj komuniki kun la Ĝenerala Sekretario kiel eble plej frue, por eviti duoblan laboron. De tempo al tempo la L. K. K. faros anoncojn en la *Gazeto de la XXIV-a* kaj en siaj bultenoj.

**Kongresejo** (**ne** *sendu korespondaĵon al ĉi tiu adreso*) : La L. K. K. luas grandan novan konstruaĵon, la Maison de la Mutualité, rue Saint-Victor, Paris-V. Ĝi estas tre bela konstruaĵo kaj estas speciale destinita por kongresoj; ĝi staras en la fama Latina Kvartalo, kaj estas facile atingebla de ĉiuj partoj de Parizo. Tie okazos la laborkunsidoj, fakaj kunvenoj kaj Somera Universitato ; plue la kongresanoj trovos en la sama loko la sekretariejon, informejon, vendejon, babilejon, skribejon kaj kafejon.

**Fakaj Kunvenoj :** Oni jam anoncis fakajn kunvenojn de la jenaj fakoj : T. A. G. E., *Literatura Mondo,* Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, Blinduloj kaj Fervojistoj. Krome oni aranĝos specialan viziton kaj akcepton de la interesitaj kongresanoj en la fama Instituto Pasteur.

**Ĉe-kursoj :** Por varbi novajn kongresanojn, la L. K. K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Grup-sekretarioj kaj aliaj estas petataj komuniki kun la Prezidanto de la Komisiono pri Instruado por ricevi informon pri la rimedoj por organizado de tiaj kursoj. Skribu al s-ro Jean Marchand, 49, avenue de Verdun, Issy (Seine).

**Loĝado :** La L. K. K. organizadas hotelservon por la kongresanoj, kaj esperas disponi pri sufiĉa nombro da malkaraj loĝejoj. Pluaj informoj estos publikigataj en estontaj bultenoj kaj en la *Gazeto de la XXIV-a.* Oni sendos la necesajn mendilojn al ĉiuj kongresanoj en ĝusta tempo.

**Tendaro :** La L. K. K. klopodas organizi grandan tendaron en arbaro tre proksime de Parizo. Pluaj informoj kun prezoj estos publikigataj post nelonge.

**Subvencioj :** La Ĉambro de Komerco de Parizo difinis al la Kongreso subvencion de 5.000 fr. ; la Ĉambro de Komerco de Aubenas subvencion de 50 fr.

**Kunsidoj de la L. K. K. :** La kunsidoj de la L. K. K. okazas en la Instituto de Intelekta Kooperado, kiu afable disponigis salonon tiucele.

## UNUA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongresnumero

1. Ĝis nun la plej alta propono (Fr. 2.000) estas farita de Georges Warnier, rue Claude-Chahu 5, Paris-XVI, Francujo.
2. D-ro Leon Zamenhof, Marszałkowska 125, Warszawa, Polujo.
3. S-ino Leokadja Zamenhof, Marszałkowska 125, Warszawa, Polujo.
4. Feliks Zamenhof, Marszałkowska 48, Warszawa, Polujo.
5. S-ino Helena Zamenhof, Marszałkowska 48, Warszawa, Polujo.
6. D-rino Zofja Zamenhof, Królewska 41, Warszawa, Polujo.
7. F-ino Lidja Zamenhof, Królewska 41, Warszawa, Polujo.
8. D-ro Adam Zamenhof, Królewska 41, Warszawa, Polujo.
9. S-ino Wanda Zamenhof, Królewska 41, Warszawa, Polujo.
10. F-ino Emilja Hermelin, Leszno 54, Warszawa, Polujo.
12. Célestin Rousseau, rue Alfred de Vigny 2, Bécon-les-Bruyères (Seine), Francujo.
13. Maurice Rollet de l'Isle, rue du Sommerard 35, Paris-V, Francujo.
14. Maurice Duperrey, rue Ampère 16, Paris-XVII, Francujo.
15. S-ino Renée Warnier, rue Claude-Chahu 5, Paris-XVI, Francujo.
16. Int.-Gen. Louis Bastien, rue de Vaugirard 116, Paris-VI, Francujo.
17. Jean Couteaux, rue du Faubourg Saint-Jacques, Paris-XIV, Francujo.
101. S-ino Marcelle Tiard, rue de la Procession 11, Paris-XV, Francujo.
104. L. Berger, Potštejn, Ĉeĥoslovakujo.
105. Frans R. Schoofs, Kleine Hondstraat 11, Antwerpen, Belgujo.
106. Léon Schoofs, Kleine Hondstraat 11, Antwerpen, Belgujo.
107. S-ino Henriette Schoofs, Kleine Hondstraat 11, Antwerpen, Belgujo.

108. Walfrid Mauritz KJELLMAN, Uddevalla, Svedujo.
110. David KENNEDY, Craigpark 60, Glasgow, Skotlando.
112. S-ino Mathilde LANDERWYN-BOCKHOLTS, rue Gramme 50, Antwerpen, Belgujo.
113. Max Edouard Jean BOLSIUS, Korte Koepoortstraat 11, Antwerpen, Belgujo.
114. S-ino Louise Alexandrine BOLSIUS, Korte Koepoortstraat 11, Antwerpen, Belgujo.
115. Edgard DE COSTER, chaussée de Turnhout 170, Antwerpen, Belgujo.
116. Robert ROBERTSON, Alexandra Park Road 364, London N. 22, Anglujo.
117. Charles CRESP, rue du Dr. P. Gazagnaire 14, Cannes (A.-M.), Francujo.
118. Edouard Albert Joseph HOUZÉ, rue Emmery 45, Dunkerque (Nord), Francujo.
119. Gerald Allen MOORE, Cleveland Square 32, London W. 2, Anglujo.
120. Michele ARABENO, via Crimea 8-24, Genova, Italujo.
121. Frederick B. ELWELL, Richmond Road 4, London E. 11, Anglujo.
122. Thomas Lovell Chapman BLUETT, South View, Chesswood Road, Worthing, Sussex, Anglujo.
123. F-ino Mary Helena ROOK, Links Road 195, London S. W. 17, Anglujo.
124. Philip Percy Henry ONGLEY, ĉe la Londona Esperanto-Klubo, New Hall, Fleet Street 170, London E. C. 4, Anglujo.
125. F-ino Hilda Mary HAYTER, Rosenthal Road 14, London S. E. 6, Anglujo.
126. F-ino Ruth BRADSHAW, Alma Square 5, London N. W. 8, Anglujo.
127. Frederick William LOCKE, Palmerston Road 43, London N. 22, Anglujo.
128. Tony GUERITTE, Claremont Gardens 11, Surbiton, Surrey, Anglujo.
129. F-ino Amy Barton EDWARDS, Holly House, Tenters Street, Bishop Auckland, Co. Durham, Anglujo.
130. Hector BOFFEJON, Berendrechtstraat 69, Antwerpen, Belgujo.
131. S-ino Maria BOFFEJON-DE RIJDT, Berendrechstraat 69, Antwerpen, Belgujo.
132. Henri Adolphe PETIAU, boulevard St-Liévin 60, Gand, Belgujo.
133. Robert GROVERMAN, Kasteelstraat 8, Gentbrugge, Belgujo.
134. F-ino Yvonne DE STAUTE, chaussée de Zwynarde 394, Gent, Belgujo.
135. Frank BOLSIUS, Korte Koepoortstraat 11, Antwerpen, Belgujo.
136. F-ino Frances Maud BARTHOLOMEW, Wilbury Road 154, Letchworth, Herts., Anglujo.
137. L. OZOUF, route de la Passerelle 18, Le Vésinet (S.-et-O.), Francujo.
138. Ernfrid MALMGREN, Heleneborgsgatan 6, Stockholm, Svedujo.
139. S-ino Linnéa MALMGREN, Heleneborgsgatan 6, Stockholm, Svedujo.
140. S-ino Suzanne DE BEUKELAER, rue Morel 13 bis, Douai (Nord), Francujo.
141. Albéric HUMEZ, rue Morel 13 bis, Douai (Nord), Francujo.
142. F-ino Yvonne MIGNON, Ecole Maternelle, cours Chestier, Bourges (Cher), Francujo.
143. F-ino Ada FOTHERBY, Claremont Gardens 11, Surbiton, Surrey, Anglujo.
144. Paul TARNOW, Düsseldorferstrasse 5, Düsseldorf-Oberkassel, Germanujo.
145. S-ino Marie Louise CRESP, rue du Dr. P. Gazagnaire 14, Cannes (A.-M.), Francujo.
146. D-ro Paul DESMOULIN, rue du Clocher St-Pierre 22, Douai (Nord), Francujo.
147. Ludwig MERKEL, Rottmannstrasse 2, Ahlen, Westfalen, Germanujo.
148. S-ino Marta MERKEL, Rottmannstrasse 2, Ahlen, Westfalen, Germanujo.
149. Joseph BRÜHL, Clemensstrasse 18, Trier, Germanujo.
150. F-ino Annie Beatrice HOWLETT, Nightingale Road 24, Bushey, Herts., Anglujo.
151. Maurice DUCHOCHOIS, place de Capécure 18, Boulogne-sur-Mer, Francujo.
152. Raymond SCHWARTZ, rue Fontaine 35, Paris-IX, Francujo.
153. Alfred ENGELMANN, rue de Noisy 42, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.
154. S. J. YSSELSTEIN, Graaf Florisstraat 40, Schiedam, Nederlando.
155. S-ino D. YSSELSTEIN-HORJUS, Graaf Florisstraat 40, Schiedam, Nederlando.
156. Roger BERNARD, rue Pierre-Joigneaux 26, Bois-Colombes (Seine), Francujo.
157. Jacinto COMELLA, Plassa Major 18, Vich, Barcelona, Hispanujo.
158. S-ino Dolors COMELLA, Plassa Major 18, Vich, Barcelona, Hispanujo.
159. Pierre WARNIER, rue Claude-Chahu 5, Paris-XVI, Francujo.
160. Maurice WARNIER, rue Claude-Chahu 5, Paris-XVI, Francujo.
161. Pierre PETIT, rue de Neuilly 59, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.
162. S-ino Yvonne PETIT, rue de Neuilly 59, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.
163. P. FLAGEUL, boulevard Voltaire 9, Issy-les-Moulineaux (Seine), Francujo.

**Laŭlanda Statistiko :** Belgujo, 13 ; Ĉeĥoslovakujo, 1 ; Francujo, 25 ; Germanujo, 4 ; Granda Britujo, 15 ; Hispanujo, 2 ; Italujo, 1 ; Nederlando, 2 ; Polujo, 9 ; Svedujo, 3.

**Entute, 75 kongresanoj el 10 landoj.**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de L. K. K.*

# LA SOCIETO FRANCA POR LA PROPAGANDO DE ESPERANTO

[*Sube ni presigas mallongan historion de la franca nacia societo, unu el la plej malnovaj kaj potencaj de la naciaj organizoj de Esperantujo. La aŭtoro, s-ro Jean Couteaux, estas de 1923 la Ĝenerala Sekretario de la S. F. P. E.* — RED.]

Kiam Zamenhof, post la unuaj provoj de la heroaj tempoj, pensis pri la ebleco de larĝa disvastiĝo de sia lingvo tra la mondo, li turnis sin al Francujo. Tie loĝis kelkaj el liaj plej fervoraj adeptoj, kiuj estis plej energie helpantaj al li kaj sukcesintaj grupigi aron da decidemaj batalantoj. Baldaŭ efektive estis fondata, sub la gvidado de s-ro de Beaufront, apogita de homoj kiaj Ch. Lemaire, Lacroix, Lombard, Moch, dum januaro 1898, la *Société pour la Propagation de l'Esperanto,* kies celo estis konigi Esperanton precipe en la landoj franclingvaj.

Al tiu asocio, vere internacia en la komenco, apartenis malnovaj propagandistoj el kiuj multaj nun malaperis : s-roj René Lemaire, Bel, Roux, Laignier, Blanjean el Bruselo, Gemet el Odessa, Marignoni el Cuma, s-inoj Alice Roux kaj Zabilon d'Her, kaj nia bona amiko Chavet, kiu ĵus donis al mi tiujn sciigojn.

Dum 1902, naciaj societoj estis kreataj en kelkaj landoj, kaj la *Société pour la Propagation de l'Esperanto* aliformiĝis, laŭ propono de Carlo Bourlet, en *Société Française pour la Propagation de l'Esperanto.*

Oni konas la admirindan rolon luditan dum longaj jaroj je la kapo de tiu asocio, de s-roj Rollet de l'Isle, Bourlet, Cart kaj Sébert. Ilia komuna agado trafis ĉiujn intelektajn mediojn, kaj eĉ preparadis la disvastigon de nia movado tra ĉiuj landoj de l' mondo.

En 1914, la S. F. P. E. entenis 200 grupojn kaj 10.000 membrojn. Sed la milito ĉion disfaligis. Krom kelkaj esceptoj en la grandaj urboj, preskaŭ ĉiuj grupoj, senigitaj je siaj ĉefoj, malaperis. Aliaj zorgoj ol la lingvaj tiam priokupis la familiojn de la militantoj, kaj temis, antaŭ ĉio, vivi. Post la milito, s-ro Rollet de l'Isle klopodis por grupigi la restantajn elementojn de la prospera antaŭmilita asocio. Nur kelkaj centoj da adeptoj respondis al lia alvoko. La tasko tuj sin montris malfacila, kaj efektive baldaŭ evidentiĝis, ke estas necese rekrei ĉie novajn grupojn, por anstataŭi la malnovajn, plene mortintajn.

Nun, post la ŝanĝo realigita en la formo de nia nacia asocio en 1923, la S. F. P. E. fariĝis asocio de grupoj anstataŭ asocio de individuoj. Ĝi estas la unuiĝo de 13 regionaj federacioj propagandaj, kaj de 4 federacioj specialigitaj kiuj estas : la Universitata (prof. Cotton), la Radio-telefona (inĝ. Favrel), la Blindulara (s-ro Masselier), kaj tiu de la Amikoj de Esperanto (prof. Langevin).

Kun la lerta gvidado de s-ro Archdeacon, anstataŭanto de s-ro Eyquem, la S. F. P. E., en tiuj lastaj jaroj, rekomencis prosperadi, kaj propagandaj grupoj naskiĝas nun ĉiuloke same kiel dum la antaŭmilita periodo. Ĝi reorganizis unue, kun la helpo de s-ro Guadet, sian instruadon, kaj siajn ekzamenojn kiuj hodiaŭ estas la jenaj : por la komencantoj estas facila ekzameno, la Atesto pri Lernado ; poste, por tiuj kiuj volas utiligi Esperanton en la komercaj aferoj, la Supera Atesto pri Lernado ; por tiuj kiuj volas ĝin instruadi : la Atesto pri Kapableco, kaj la Diplomo pri Altaj Esperantaj Studoj, ankoraŭ posedata de nur unu persono.

Laŭ aranĝo kun la grava franca societo *Esperanto et Commerce,* fondita por la disvastigo de la franca komerco per Esperanto, la S. F. P. E. komisiis tiun lastan por ke ĝi prenu sur sin la tutan propagandon fareblan en la komercaj kaj industriaj sferoj. Oni scias kiel *Esperanto et Commerce,* sub la vigla direktado de sia eminenta prezidanto, s-ro André Baudet, plenumas la taskon pri kiu ĝi konsentis.

En la aliaj medioj, la S. F. P. E. realigas sian propagandan laboron per siaj kvar federacioj specialigitaj kaj per tri grandaj komisionoj : la Gazetara, kiun direktas s-ro G. Avril, kaj kiu sendas al ĉiuj francaj gazetoj monatan informan bultenon presitan ; la Instruada, kiun direktas s-ro Guadet ; kaj la Propaganda, kiun gvidas s-ro Jadot, kaj kiu agas sur ĉiuj aliaj kampoj.

La konstanta sekretario, s-ro P. Petit, kies efika agemeco estas nun de ĉiuj niaj amikoj bone konata, efektivigas la kunordigon de la komuna laboro kaj plenumas la decidojn de la centra nacia komitato.

Oni ne miros ke, post tridek-kvar jaroj da glora ekzistado, la S. F. P. E., kreinto, pere aŭ senpere, de la tuta agado Esperantista kiu nun floradas en Francujo, posedas senegalan prestiĝon por ĉiuj Esperantistoj de la lando. Oni plene fidas je ĝi, ĉiam atente zorgas pri ĝiaj destinoj, oni ĝin vere amas.

Pro tiu kaŭzo sendube estas, ke neniu malkonsento, jam de longa tempo, povis esti konstatata inter ĝiaj membroj, grupoj aŭ federacioj. Plaĉu al la dioj ke tiu konkordo, kiu certe permesos morgaŭ rapidajn kaj decidigajn progresojn, daŭru ĝis la fina venko!

JEAN COUTEAUX.

# ORDO EN LABORO

[*Ĉar la problemo pri la organizado estas ĉiam — bedaŭrinde! — aktuala, kaj ĉar verŝajne tiu demando restariĝos antaŭ la kongresanoj de la XXIV-a, ni intencas prezenti en ĉi tiu gazeto diversajn seriozajn proponojn, por ke ĉiu havu kompletan informon pri la temo. Pri tiuj artikoloj respondecos solaj la aŭtoroj; la Redakcio restos neŭtrala.* — La Ĉefredaktoro.]

Estas tute certe, ke multe da Esperantistoj, por ne diri ĉiuj, ne scias kiel estas konstruata nia domo. Cetere, por ke ni nin trovu bone en tiu domo, estas necese, ke en ĝi ordo regu, kio ne okazas nun, oni tion koncedos. Nia « XXIV-a » estos tre utila kongreso se ĝi estigos ordon en la Esperanta domo kaj donos racian statuton al la Esperantista popolo.

Nune tia statuto, malgraŭ la diversaj kontraktoj kaj aranĝoj inter la diversaj organismoj de nia movado, ne ekzistas. Ekzistas ja I. C. K. (Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado) kaj U. E. A. (Universala Esperanto-Asocio), sed dum ilia laboro devus esti komuna (kaj kvankam antaŭ nelonge ili sidis en komuna domo), ili laboras laŭ tute diversaj manieroj kaj por diversaj celoj, kaj tute ne en interkonsento unu kun la alia. Ekzistas ja ankaŭ K. R. (Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj), kiu efektive devus esti nia Esperantista Parlamento, sed pri kiu ni devas paroli tute modeste, ĉar fakte ĝi utilas nur kiel « transpagilo » inter la naciaj societoj kaj I. C. K.

Unufoje, aŭ du maksimume, dum la kongreso, ĝiaj membroj kuniĝas kun la reprezentantoj de U. E. A. por pridiskuti kaj decidi pri la Esperantaj aferoj. Sed ĝia povo estas nur iluzia, ĉar U. E. A., reprezentata en tiuj kunvenoj de du aŭ tri membroj, kiuj voĉdonas senmandate (laŭ mia opinio) por la naŭ mil membroj de la Asocio, povas neŭtraligi kaj eĉ nuligi ĉiun decidon de K. R. Efektive, malgraŭ ke ĝi pagas al I. C. K. malpli altan kotizon (2.500 oraj frankoj en 1930 kontraŭ 3.141) [1], U. E. A. havas en la voĉdonoj ekzakte la saman nombron da voĉoj, kiom K. R.

Kaj oni devas rimarki, ke la anoj de U. E. A., devenantaj plej grandparte de la naciaj societoj, povas, laŭ la nuna sistemo de voĉdonado unuanima de siaj direktantoj, tute kontraŭbati reformon aŭ decidon, kiun ili aprobas kaj proponas kiel membroj de la naciaj societoj! Ĉu tio estas logika kaj justa? Ne, ĉiu konsentos pri tio, kaj oni devas anstataŭigi senprokraste tiun hibridan sistemon se oni ne volas perdi por ĉiam multajn el niaj bonaj propagandistoj, kiujn tia fuŝa kaj maljusta reĝimo lacigas kaj malkuraĝigas.

Al tiu tasko ni devas nin dediĉi kuraĝe.

En la celo alporti mian modestan ŝtonon al la rekonstruota domo mi, laŭ peto de la Franca Societo kaj konforme al la deziro esprimita de la Antverpena Kongreso, faris projekton de reorganizado, kiu estis adoptita de la Franca Nacia Kongreso (Nancy, 1929).

En ĝi mi provis kiel eble plej konservi tion, kio jam ekzistas. La ĉefa afero estis unuigi — « unuecigi » diris la Antverpena decido — la diversajn fortojn, kiuj senkalkule estas malŝparitaj de la Esperantistoj, kaj formi el iliaj disaj elementoj unu solan organismon facile vivigeblan. Tiu bezono al unuigo estas sentata de ĉiuj, kaj la Direktoro mem de U. E. A., s-ro Hans Jakob, sin demandas (Oficiala Raporto pri U. E. A., 1931, p. 67), « ĉu du plene organizitaj internaciaj oficejoj vere respondas al la bezono de la nuna movado. »

Estas malfacile, en la spaco de tiu ĉi artikolo, konigi la detalojn de miaj proponoj, kaj mi devas limigi min, substrekante ties ĉefan karakteron.

Unu el la gvidprincipoj de mia plano estas la kunigo de la naciaj societoj por propagando de Esperanto kun U. E. A., kiuj, per interkonsento komuna, decidus « unuiĝi en unu solan asocion, sub la nomo, Universala Esperanto-Asociaro (U. E. A.). »

Kelkaj neinformitaj personoj pretendis, ke mi deziras la malaperigon de U. E. A. Ĉu estas necese montri, ke tio estas pure fantazia, senbaza aserto? Mi tute ne volas, ke U. E. A. malaperiĝu, sed kontraŭe, ke ĝi fariĝu la sola internacia organizaĵo de la neŭtralaj Esperantistoj. Tio, kion mi deziras, estas ĝia intima kunfandiĝo kun la naciaj societoj, kunfandiĝo tiel profunda, ke oni ne plu povus rekoni unu de la alia.

Sed kompreneble, ĉar la nova organizaĵo estus tiam afero de ĉiuj, ĝia funkciado kaj gvidado devus esti kontrolata kaj aprobata de ĉiuj.

Tiu demokrata principo gvidis min en la verkado de mia projekto, en kiu ĉiu havas parton de la decidpovo, parton de la kontrolpovo.

Ĉar mi pensas, ke oni ne devas lasi al la hazardo kaj nur al la cirkonstancoj la zorgon decidi pri la laboro entreprenota, kaj ĉar mi ŝatas la ordon en ĉio kaj precipe en la laboro, mi faris, ke laŭprograma laboro estu deviga en nia Asociaro. Ĉiujare la Supera Konsilantaro starigas la programon de la laboro kaj de la klopodoj entreprenotaj. Por tio, ĝi starigas siajn proprajn

(*Daŭrigata sur p. 16.*)

[1] El tiuj Fr. 2.500 oni repagas al U. E. A. 500 orajn frankojn por enpreso en la Jarlibro de unu paĝo kaj du trionoj da informo pri K. R. kaj I. C. K.

# LA ORGANIZANTOJ DE LA XXIVA

[*Sube ni donas kelkajn, tre mallongajn, informojn pri la homoj, kiuj organizas la Parizan Kongreson. Ili estas ĉiuj spertaj pri diversaj fakoj de la vivo kaj de nia movado, kaj ilia kunlaborado devus produkti bone organizitan kongreson.* — LA ĈEFREDAKTORO.]

GEORGES WARNIER, Prezidanto, lernis Esperanton en 1903, studante la Esperanto-paĝon en la Almanako Hachette. Poste li sekvis kurson de s-ro Paul Fruictier, kaj ankaŭ kurson de prof. Cart en la Touring-Club de France. En 1905 li havis la honoron ricevi la unuan premion de la ĝenerala konkurso de la Pariza Grupo, de la manoj de d-ro Zamenhof mem, kiu tiam trapasis Parizon survoje al la Kongreso de Boulogne. Ĉe tiu Kongreso li ludis rolon en la komedio *Edziĝo per Telefono*, kun s-ro Georges Grosset. Li ĉeestis tre multajn kongresojn, inkluzive de tiu en Washington. En 1913 li fariĝis Ĝenerala Sekretario de la X-a Kongreso. Dum la milito li ricevis la *Croix de Guerre*. Tuj post la milito li reprenis sian laboron por la movado, kaj en 1924 fariĝis Prezidanto de la Pariza Grupo. En 1928 li fondis kun s-ro Archdeacon la Maison de l'Esperanto, kies Vic-Prezidanto li estas. En 1928 li estis membro de la Speciala Enketa Komisiono de U. E. A. en Ĝenevo. Li fondis en 1905 la Librairie de l'Esperanto, kiu publikigis multajn librojn, interalie la *Esperanto-Manuel*, kiun li verkis en kunlaborado kun s-ro Gabriel Chavet (la lasta eldono — la 50-a milo — aperis antaŭ du monatoj). Same en kunlaborado kun s-ro Chavet li verkis la *Dictionnaire Français-*



*Esperanto*, kiu aperis en 1911. Li estas membro de la Rotary-Klubo de Parizo : estas plejparte dank' al lia sagaca laboro, ke Esperanto atingis la sukcesojn lastatempajn en Rotario. Kiel Prezidanto de multaj kompanioj, li estas tre bone konata en la pariza komerco.

LOUIS BASTIEN, Vic-Prezidanto, studis ĉe la Lernejo Politeknika en Parizo, kaj fariĝis Intendanto Generala en 1917. Li lernis Esperanton en 1902, varbite de la ĉiumonataj artikoloj pri Esperanto, eldonitaj de la Touring-Club de France.



Li fondis Esperanto-grupojn en Valenciennes (1903) kaj Commercy (1908). En 1908 li publikigis sian faman *Naŭlingva Etimologia Leksikono de la Lingvo Esperanto*, kaj en 1910 elektiĝis membro de la Lingva Komitato. Postaj verkoj liaj estas traduko de *Funebra Parolado pri Louis de Bourbon, princo de Condé* de Bossuet (1911) kaj *Poŝvortareto Franca-Esperanta kaj Esperanta-Franca* (1932). Li ĉeestis la Unuan Kongreson en Boulogne-sur-Mer. Li estas membro de la Komitato de la Pariza Federacio de 1929 kaj de la Komitato de la S. F. P. E. de 1931. Li lastatempe elektiĝis Commandeur de la Légion d'Honneur (Komandanto de la Honora Legio). Li estas Prezidanto de la Komisiono pri Vojaĝoj kaj Ekskursoj.

L. N. NEWELL, Ĝenerala Sekretario, lernis Esperanton tute sola en 1916. Li estas anglo, do en Londono faris la plej grandan parton de sia laboro por la movado. Dum 1925-6 li estis Sekretario de la Londona Esperanto-Klubo, kaj estis Vic-Prezidanto de tiu grupo en 1926-7. Li interesiĝis ĉefe pri la literaturo de nia lingvo, kaj de 1925 ĝis la fino de 1930 estis la Ĉefredaktoro de la brita nacia organo, *International Language*. Membro de la Administra Komitato kaj aliaj komitatoj de la B. E. A. 1926-31, kaj Konsilanto de tiu Asocio de 1926. Dum multaj jaroj li estis unu el la oficialaj Esperanto-instruistoj de la

Londona Urbestraro, kaj estas diplomita instruisto de la Londona Ĉambro de Komerço; en 1929 li verkis *The Concise Course in Esperanto,* unu el la du oficialaj lernolibroj de la B. E. A. En



1928 estis membro de la Speciala Enketa Komisiono de U. E. A. en Ĝenevo. Akiris sperton pri la organizado de niaj kongresoj kiel membro de la L. K. K. en Oxford (1930). Kontribuis multajn recenzojn, poemojn, novelojn kaj artikolojn al *Esperanto, Literatura Mondo, Heroldo* kaj aliaj gazetoj.

Lucien TULEU, Kasisto, komencis studi Esperanton en 1928, sed li interesiĝis pri la demando multe pli frue. Li havas tute specialan spertecon



pri kontoj kaj librotenado, kaj estas konata kiel direktoro de komerca firmo kaj spertulo pri diversaj fakoj de la komerco.

Jean MARCHAND, Help-Sekretario, lernis Esperanton tute sola en 1919. Li unue akceptis oficon en la movado kiam li fariĝis por kelka tempo Sekretario de la Esperanto-grupo en Vanves (1922). Li multe laboras por la Pariza movado, kaj je la nuna tempo estas Sekretario de la « Verda Kato » (de 1924), Help-Sekretario de la Pariza



Grupo (de 1927), kaj Vic-Prezidanto de la grupo en Vanves (1932). Krom Help-Sekretario de la L. K. K., li estas ankaŭ Prezidanto de ĝia Komisiono pri Instruado, kaj tre sukcese organizis Ĉe-kursojn.

Jean COUTEAUX, Komitatano, propagandas Esperanton jam de 1904. En tiu jaro li fondis multajn grupojn de la S. F. P. E. Li estis Sekretario de la Grupo de Parizo (Latina Kvartalo) en 1911, kaj en la sama jaro estis Redaktoro-fondinto de la internacia gazeto *Vekiĝo.* De 1920 ĝis



1929 li estis Prezidanto de la Esperantista Federacio de la Pariza Regiono, kaj estas Generala Sekretario de la Societo Franca por la Propagando de Esperanto (S. F. P. E.) de 1923. Li estas doktoro pri leĝoscienco kaj nun Direktoro de la hospitalo Cochin, en la administracio de la Publika Helpado Pariza.

MAURICE DUPERREY, Komitatano, komencis studi Esperanton antaŭ du jaroj. Li estas eminenta en la franca komerco kiel prezidanto de multaj kompanioj. Servis dum la milito kaj ricevis la ordenon de Kavaliro de la Honora Legio, kaj la francan *Croix de Guerre* kaj la britan *Military Medal*. En la franca komerco li havas multajn



postenojn : Konsilanto pri Eksterlanda Komerco, Ĝenerala Sekretario de la Franca Nacia Komitato de Konsilantoj pri Eksterlanda Komerco, kaj Kasisto de la Konstanta Komitato pri Eksterlandaj Aferoj en la Ministrio de Komerco. Krome, li estas eks-Prezidanto de la Rotary-Klubo de Parizo kaj membro de la Internacia Servo-Komitato de Rotary International.

CÉLESTIN ROUSSEAU, Komitatano kaj Prezidanto de la Komisiono pri Fakaj Kunvenoj, lernis Esperanton en 1902. Jam de multaj jaroj li estas



konata kiel unu el la plej agemaj laborantoj en la franca movado. Li estas farmaciisto, kaj estas aŭtoro de raportoj pri la internacia nomenklaturo farmacia ĉe diversaj internaciaj kongresoj de farmacio. Dum la milito li estis Vic-Prezidanto de la S. F. P. E. En 1925 li fariĝis Sekretario de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, kaj en 1928 Ĝenerala Sekretario de la Maison de l'Esperanto. De 1924 li estas Vic-Prezidanto de la Pariza Grupo. Publikigis en 1911 la *Poliglota Vade-mecum de Internacia Farmacio.*

RENÉ DUBOIS, Komitatano, Esperantistiĝis en 1905 post interparolado kun s-ro Couteaux, kaj la sekvintan jaron li fondis grupon en Saint-Amand (Nord), kaj fariĝis ĝia Sekretario. Ke li estis tre agema laboranto por la movado, tion atestas la fakto, ke jam en 1908 li helpis fondi la Federacion de Norda Francujo, kaj fariĝis Sekretario ankaŭ de tiu organizaĵo. Li estis unu el la reorganizantoj de la Federacio de la Pariza Regiono (1921), kaj estis ankaŭ membro de la komitato de la fama « Verda Kato ». Nun li estas Sekretario de la Pariza Grupo (de 1920), kiu,



verdire, ŝuldas sian ekziston al liaj neelĉerpeblaj sindonemo kaj energio. Krome, li estas la redaktoro de *Paris-Esperanto*, la tre vigla gazeto de la parizaj Esperantistoj. Li estas bone konata en la internacia movado, kaj akiris sian unuan sperton pri la organizado de nia kongresoj, helpante organizi la X-an Kongreson en Parizo (1914). De 1925 li estas la franca reprezentanto en K. R.

---

## Amiko en Kongreso

Multaj Esperantistoj, kiuj ĉeestos la Kongreson, certe deziros trovi antaŭe per korespondado, kongresan amikon. Ni sciigas al niaj legantoj (kaj kongresanoj, kaj aliaj), ke ni estas pretaj publikigi tiucelajn anoncojn en la *Gazeto de la XXIV-a*; la prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (ok vortoj en linio) aŭ parto de linio, por ĉiu enpreso.

Ni atentigas, ke ĉiu anoncinto havas la moralan devon respondi minimume unu fojon poŝtkarte al ĉiu komunikaĵo ricevita.

# Mallonga Historio de Francujo

MULTAJ gesamideanoj venos al la Pariza Kongreso, sciante malmulton pri la lando, kiun ili vizitos kaj la popolo, kiu gastigos ilin.

Pro tio, mi proponas al mi komuniki al vi, estimataj kotizpagintaj kongresanoj, mallongan skizon pri la historio de Franclando. Kompreneble, mi ne intencas doni longan liston de bataloj kun datoj, nek desegni multbranĉajn genealogiajn arbojn; mi deziras tute simple vortpentri koncizan, klaran bildon de la glora pasinteco de la lando.

Julius Cæsar invadis Franclandon proksimume en la jaro 70 antaŭ Kristo. Mi ja povas garantii la fakton, ĉar oni ĵus trovis en la tero apud la urbo Fouilly-les-Oies moneron surhavantan la trajtojn de Cæsar kaj datitan « 68 A. K. ».

En tiu epoko, la enloĝantoj de la lando nomiĝis « Galoj »; ili pentris siajn korpojn bluaj kaj portis malmultajn vestojn krom gal-oŝoj. Ili havis la reputacion esti galantaj. Kiam ili kaptis malamikojn en batalo, ili sendis ilin al gal-eroj. Post kelkaj jardekoj, la tieaj romanaj soldatoj eksciis, ke estas granda diboĉo en la hejmlando; ili rapidis forkuri, kaj lasis la Galojn denove liberaj.

Tiam sekvis la regno de la bona reĝo Charlemagne, kies famon egalas sole tiu de la bona reĝo Dagobert, kiu surmetis sian pantalonon renverse.

En tiu epoko, komenciĝis la franca literaturo per la universale konata « Kanto de Rolando ». Rolando estas lando, kiu estis loĝita de Rooj sed kiu, kiel Atlantiso, jam de longe malaperis sub la ondoj de la Atlantiko. Franca esploristo, laŭnome Jefourmonnez Partout, malkovris ĝin survoje al New York, kie li deziris ricevi eksedziĝpermeson. Li skribis la Kanton de Rolando por sin distri dum la revenvojaĝo. Oni ankoraŭ propagandas la lingvon Ro en Usono, dezirante ĝin uzigi kiel internacian komprenilon.

Estus eraro kredi, ke Franclando — aŭ Galujo — estis tiam unuigita lando. Efektive, ĝi estis dividita en plurajn provincojn, kiuj havis ĉiu specialan lingvon kaj karakteron. La ĉefaj provincoj estis : Bretonujo, kie oni plejparte manĝis fiŝojn, panon kaj salan buteron. La enloĝantoj estis konataj pro malvarmeco kaj obstineco. Normandio, kie oni ĉefe manĝis tripojn kaj trinkis cidron ; la enloĝantoj estis konataj pro siaj eksterordinaraj trinkkapablo, avareco kaj malsincereco. Aŭvernjo, kie ekzistis speciala, tute aparta raso de estaĵoj, kiuj estis nek viroj nek virinoj ; tiuj estaĵoj havis tre strangan lingvon kaj, por gajni la vivon, ili konstruis kuracurbojn por ekspluati malsanulojn, aŭ venis al Parizo por vendi tabakon. Burgonjo, kie oni ĉefe manĝis kuiritan bovon kun saŭco kaj terpomoj, kaj trinkis bonan vinon. Provenco, kie la enloĝantoj sin nutris ekskluzive per oranĝoj, fiŝmiksaĵo kaj ajlo.

En tiu epoko, okazis multaj militoj pro malprecizaj kaŭzoj. Dum centoj da jaroj, la francoj kaj la angloj estis malamikoj, sed en la paŭzoj inter du militoj ili ambaŭ iris batali kontraŭ koloritaj rasoj, por pliriĉigi iliajn landojn. Eĉ interne de la lando, okazis batalado inter katolikoj kaj protestantoj ; ankaŭ tie ĉi la kaŭzo de la militado ne estas precize konata ; la ĉefa diferenco inter la partioj estis, ke unu portis simplan krucon ĉirkaŭ la kolo, dum la alia portis pli komplikan kun pendanta birdo, kiu reprezentis la Sanktan Spiriton. Ne ekzistas statistiko, kiu montras ĉu katolikoj mortigis pli da protestantoj ol protestantoj mortigis da katolikoj ; la pesto mortigis multe da ambaŭ.

En la jaro 1429, la unua feministo aperis sur la eŭropa scenejo : Johanino d'Arc. Ŝi vestis sin kiel viro, tranĉis la harojn kaj iris al milito. Ŝia intenco estis elirigi el Francujo la anglojn, kiujn ŝi nomis « manĝantoj de rostita bovaĵo » ;

malfeliĉe, la angloj kaptis ŝin kaj rostis ŝin en Rouen. Tiutempe, ŝi estis sorĉistino; en la nuna epoko, ŝi estas sanktulino.

En 1789, ne havante panon, la franca popolo revoluciis. Post multe da sangofluo, pluraj reĝimŝanĝoj, oni rememoris la saĝan diron de la reĝino Marie-Antoinette : « La popolo ne havas panon por manĝi, do ĝi manĝu kukojn! » Sekve, la francoj manĝis kukojn kaj la revolucio forpasis. Hodiaŭ, tamen, la francoj ree manĝas panon — eĉ kvinfoje pli ol aliaj nacianoj.

Tiam ekaperis la franca nacia heroo, Napoleono Bonaparte. Mi diras «franca», sed li preskaŭ estis itala aŭ angla. Efektive, lia naskiĝlando, la insulo Korsiko, estis posedata laŭvice de pluraj nacioj, kaj nur hazarde Francujo aĉetis ĝin iom antaŭ lia naskiĝo. Napoleono estis lerta ŝakludanto kaj verkis sufiĉe bonan leĝaron, kvankam nun tro malnovan; malfeliĉe, li amuzis sin ankaŭ per militfarado, kaj fine la angloj kaptis lin. Post marvojaĝo, li estis sendata al insulo Helena ĝis la morto.

Pli poste, Francujo fariĝis respubliko, por kio la mallongigo estas R. F. (Riĉiĝas de la francoj).

Ĉar estas eble scii la veron pri okazintaĵoj nur cent jarojn poste, estas necese, ke mi finu je tiu ĉi punkto.

M. C. Major.

# Nediskretaj Rimarkoj

## PRI IU MANIO

Unu el la princoj de nia Parnaso, perdiĝinta en la nebuloj kovrantaj tiujn altajn regionojn, en ĵus aperigita « Publika Letero », submetas al ni planon pri reorganizo de la Esperantista movado.

Ĉar Esperantistoj inter aliaj manioj havas ankaŭ tiun, ke kiam ili estas du, ili nepre bezonas statutojn; des pli kiam ili estas multaj miloj. Tiu bezono de regularo estas tiel forta ĉe ni, ke ni forgesas ĉion ajn, eĉ propagandon, kaj diskutas kaj disputas nur pri tiu grava problemo, ĉu la grupo havu prezidanton aŭ nur sekretarion, ĉu estu unu aŭ du vicprezidantoj, ĉu statutoj estu presitaj sur blanka aŭ sur verda papero, k. t. p., k. t. p.... Ni ĉiuj tiom spertis tiun priorganizan demandon, ke ni estas pretaj pritrakti iun ajn organizan temon kaj sekve indaj esti membroj de iu parlamento. Kaj tre trafe kaj konsekvence Julio Baghy pretendas, ke ĉar ni ne sukcesis sidi sur benko de iu nacia parlamento, estas tute urĝe krei por ni nian propran Esperantistan parlamenton. Tiel almenaŭ ni estos organizitaj. Ni havos necese, por bezono de interpelacioj, nian registaron; por apliki decidojn de niaj elektitoj, nian ĝendarmaron, kaj por financaj apetitoj de tiuj funkciuloj, nian impostan sistemon. Se, malgraŭ tio, ni ne sukcesos disvastigi Esperanton, ni zorgos pri starigo de armeo, kun kanonoj, maŝinpafiloj kaj mortigaj gasoj. Des pli malbone por Briand kaj la Ligo de Nacioj!

Tiu manio pri organizado ne estas cetere privilegio sole de Esperantistoj. Ĝi troviĝas en la homa naturo. Kaj kiam mi diras homa, mi konscias tiun vorton en senco ĝenerala, t. e. ĉiuseksa, ĉiuspeca. Ĉar kiel vi certe rimarkis, homaj societoj estas trispecaj : societo de viroj solaj — kiel ekzemple kunveno de ŝakludistoj en kafejo; societo de virinoj solaj — kiel ekzemple kunveno de feministinoj; societo miksa vir-virina — kiel ekzemple kunveno en dancejo. El la homkuniĝoj cititaj en tiuj ekzemploj, mi kredas, ke la unua kaj la tria estas la plej sendanĝeraj. Tamen, ja ne temas pri tio...

Sed jen kion mi proponas por pripenso de estontaj kongresanoj :

### Kondiĉaro por Internacia Aranĝo de Esperantista Movado

Art. 1. Estas malpermesate al ĉiu Esperantisto aparteni al iu ajn Esperantista societo aŭ grupo.

Art. 2. Estas malpermesate al Esperantistoj paroli pri organizado dum siaj renkontiĝoj.

Art. 3. Esperantistoj rajtas kuniĝi nur por kune ŝakludi, kunmanĝi, kundrinki aŭ kundanci.

Art. 4. Internaciaj Kongresoj de Esperanto estas okazoj de komuna internacia amuzado (en ambaŭ sencoj) kaj la preparo de tiuj Kongresoj estos komisiita, por bona sukceso, nur al ne-Esperantistoj.

Art. 5. Ĉiu Esperantisto ĵuras, ke li neniam legos Esperantan gazeton, krom la tiu de la XXIV-a Kongreso, komprenenble.

Art. 6. Por esti konsiderata kiel Esperantisto necesas konformi al la jenaj kondiĉoj :

*a)* esti gaja; *b)* esti bonhumora; *c)* esti neofendiĝema pri ŝercoj; *d)* scii se eble Esperanton; *e)* absolute ne koncepti signifon de la vortoj *organizo, regularo* kaj *statutoj*.

Art. 7. Ĉiu Esperantisto subskribas konscie tiun Kondiĉaron. En okazo de neplenumo de iu el la cititaj supre kondiĉoj, li estas kondamnata fariĝi membro de la Akademio.

Mi volonte akceptos aliajn sugestiojn pri modifo de aŭ aldono al tiu Kondiĉaro kaj donos al ili plej grandan reklamon; kompense mi petas, ke vi faru la samon por mi.

Se tamen mia projekto ne plaĉos al vi kaj ne havos vian aprobon, mi konsoliĝos facile, fumante bonan pipon, akompanate de nia Ĉefredaktoro, kun kiu, mi ĵuras tion al vi, mi ne parolos pri organizado.

Joseph Nels.

# NI BABILADU PRI PARIZO

POST kelkaj monatoj vi, kara legant(in)o, estos inter ni, en nia diversfama konata urbego.

Gvidlibron vi havos kaj per ĝi havos la eblecon trairi Parizon de Montmartre al Montrouge, kaj de l'Etoile ĝis la Nation. Ĝi donos al vi kelkajn facilajn sciigojn pri la nuna urbo, pri ĝiaj monumentoj, sed certe, pro nescio, vi sen alrigardo preterpasos historiajn atentindaĵojn, aŭ tro rapide vizitos tiun malnovan preĝejon, tiun interesan monumenton ! « He ! » vi jam respondas, « ĉu vi, fuŝisto kiu tiel facile babilas, havas magian potencon sufiĉe fortan por tuj enblovi en nian kapon tiun scion kiu mankas al ni ... same kiel al multaj parizanoj ? » — Ne ! Kaj tion mi bedaŭras ! Sed tamen ni povas babiladi pri nia kongresa urbo, pri ĝia historio, lasante niajn pensojn flugi tien kaj ĉi tien kiel papilioj ! Tiamaniere ni rikoltos kelkajn detalojn pri la pasinta Parizo ... kiun ni tiel ekamos.

* * *

Parizo havas kiel blazonon : ŝipon. Kun la nomo Lutéce (elp. Lut*es*) tiu urbo, ĉe sia komenciĝo, estis nur ŝipo, tio estas, ŝipoforma insulo, kiu naĝas meze de la riverego Seine (elp. Sen). Vi facile rekonos tiun insulon sur la karto de la gvidlibro. Ĝi kuŝas meze de Parizo kaj estas la insulo La Cité (La Civito, elp. La Si*te*).

El tiu insulo, la tuta Parizo elpuŝiĝis tiel forte, ke en ĝi, nun, restas nur malgranda kvartalo, kiu lasas la tutan ceteran lokon al la ĉefpreĝejo Notre-Dame (Nia Sinjorino), al hospitalo Hôtel Dieu kaj al la Juĝejo. Ĉefpreĝejo kaj Juĝejo (iam palaco) de niaj unuaj reĝoj ! En ili koncentriĝis la du fortaj tiamaj aŭtoritatecoj : Reĝeco kaj Eklezio.

Ĉe la norda bordo de Seine konstruiĝis iom post iom la plej granda parto de Parizo, kvankam tiu ebenaĵo estis kovrata de marĉoj (nuna kvartalo nomiĝas ankoraŭ La Marĉo). Tie loĝis la laboristoj, la komercistoj. Ĉe la suda bordo stariĝis la lernejoj de la Universitato. La mezepoka Parizo konsistis do el tri urboj : la Civito, urbo de la aŭtoritateco ; la Templo kaj tuta norda parto, urbo de la komerco ; la Universitato, urbo de la studentoj.



LA KATEDRALO NOTRE-DAME NOKTE

Ĉiuj domoj grupiĝis ĉirkaŭ du grandaj vojoj. La unua : la natura ŝipvojo Seine kiu puŝas la ŝipojn de oriento okcidenten. La dua : surtera vojo kiu preskaŭ tute rektalinie kondukas de l' sudo al nordo laŭ la linio desegnita de niaj nunaj stratoj St-Jacques kaj St-Martin.

Sed iom poste, dua surtera vojo kruciĝis kun la unua sur la norda bordo de Seine. Tio estis la romana vojo al Melun kiu kuŝis sur la loko de la stratoj St-Antoine kaj Rivoli, kaj kondukis al St-Germain l'Auxerrois.

El la renkonto de la du vojoj konsistis tio, kion oni nomas la vojkruciĝo de Parizo.

* * *

Ni povos babili promenante laŭlonge de tiuj antikvaj vojoj, ĉu ne? Sed antaŭ ol foriri de la insulo, ni rigardu ĉirkaŭ ni!

Jen ĉefpreĝejo Notre-Dame! Antaŭ ĝi granda, larĝa estas la placo kiu ebligas, ke ni vidu ĝin tute. Belege aspektas ĝi!

Sed niaj avoj ne povis ĝin vidi tiel facile, ĉar la domoj estis tiam dense semitaj ĉirkaŭ ĝi. La tiama placo estis tiel mallarĝa, ke por rigardi la turojn oni estis devigata kurbiĝi renverse kaj la kapon alten turni.

Sur tiu placo estis foiro de la *Tameliers* (panfaristoj) kaj de la ŝinkovendistoj. Siajn tablojn kaj korbojn tiuj komercistoj starigis eĉ ĝis la piedo de la pendigilo de la episkopo, ĝis la pordo de « Sankta Johano la Ronda », malgranda ronda preĝejo, kiun oni uzis kiel baptejon. Tiu preĝejeto estis konstruita ĉe la piedo de la norda turo, kie nun ekzistas strato de l' Monaĥejo (rue du Cloître). Ĉar vi ja devas scii pri tio, ke ekzistis tie monaĥejo kie loĝis tridek sep kanonikoj. Ĉiu el ili havis sian apartan dometon. Tiu monaĥejo estis pli ĝuste lernejaro, kie bruis multaj famaj teologiaj diskutoj.

Ni eniru la ĉefpreĝejon kaj vizitu ĝin tute trankvile. Vi nun staras sur sankta grundo. Ja! — ĉar antaŭ ol oni ekkonstruis (1163) tiun gracian monumenton, kies stilo havas rimarkindan unuecon, ekzistis tie preĝejo Sankta Mario, konstruita de reĝo Childebert (elp. Ŝildber) en la VI-a jarcento. Ĝi anstataŭis alian preĝejon konstruitan de la unuaj kristanoj kaj kies nomo estis Sankta Stefano la Malnova. Ĉu tie ni haltos en nia reiro tra la pasinteco? Ne! Ĉar la 16-an de marto 1710, fosante sub la ĥorejo de la nuna preĝejo por konstrui tomban kelon, oni trovis kvar altarojn starigitajn ĉu al Jupitero de la parizaj ŝipistoj, ĉu al la aliaj tiamaj dioj, dum la regado de Tiberio!

*(Daŭrigota.)* ELBE.

# ORDO EN LABORO

*(Daŭrigata de p. 9)*

*proponojn*, la proponojn de la naciaj societoj, kaj, sekve, de U. E. A.; ĝi prezentas la *sugestojn* de la fakaj societoj kaj izolaj grupoj, kiuj povas eniri en nian Asociaron, kun konsila voĉo, dum iliaj membroj povas profiti ĝiajn servojn. Tiuj proponoj kaj sugestoj fariĝas la laborprogramo por la jaro. Ĝi estas metata en la tagordon de la kongreso, dum kiu la rajtigitaj delegitoj de la societoj ĝin pridiskutas, amendas kaj pri ĝi voĉdonas.

Dum la daŭro de la jaro, diversaj fakestroj kaj komisionoj kun malmultaj membroj kontrolas, ĉu la laboro decidita estas plenumata de la Supera Konsilantaro laŭracie, efike kaj en la vera senco dezirata de la Kongreso.

Kaj por fini la analizon, nur grandlinian, ne kompletan, de tiu projekto de regularo, ĉu mi bezonas diri, ke — ĉefa punkto kaj eĉ ekzistokondiĉo de la Asocio — ĉiu membro senescepte rajtas profiti ĝiajn praktikajn servojn, kaj, se li pagos ĝin, ricevi la Jarlibron, kiun ĝi eldonas ĉiujare.

Pri la monrimedoj de la Asociaro, mi tute ne insistis kaj ne fiksis ciferon, ĉar mi opinias la aferon negrava, kaj la specialistoj, statistikistoj kaj kontistoj povos facile starigi juste kaj racie la kotizon de ĉiu kaj ebligi tiel la efektivan vivadon de la nova organismo. Tiu kotizo ne estu alta, kompreneble, se oni volas, ke ĉiu povu pagi ĝin. Cetere, mi estas certa, ke multaj riĉaj amikoj de Esperanto, kiuj donacas ĉiujare sufiĉe gravajn sumojn ĉu al I. C. K., ĉu al U. E. A., ankoraŭ fariĝus pli multaj kaj donus pli multe, se ili sin trovus antaŭ unu sola organizaĵo el kiu ili povus esperi pli taŭgan labormetodon kaj sekve rezultatojn kaj sukcesojn pli certajn.

Havi unikan centron, unuigi ĉiujn fortojn, fari ke ĉiu nova adepto aliĝanta al la Esperanta familio estu konsiderata kiel plenaĝa Esperantisto, t. e. kiel propagandisto kaj praktika uzanto de nia lingvo, jen tio, kion mi celis, proponante mian projekton.

Se oni ne trovas ĝin taŭga, oni ĝin forĵetu tute simple kaj prenu alian. Mi ne havas la stultan malmodestecon pretendi, ke mi skribis la definitivan konstitucion de la Esperanto-Respubliko, kaj estas aliaj projektoj — inter aliaj, tiu altvalora de s-ro Baghy — kiuj povas utile kunhelpi al la solvo de la problemo. Sed, per unu maniero aŭ per alia, mi humile petas la gvidantojn de la Esperanto-movado, ke ili fine donu al la Esperantista popolo la unikan organizaĵon de ĝi sopiratan. Kaj se tio ne estas tuj efektivigebla, ili klarigu la kialon; sed atendante, metu almenaŭ iom da ordo en sian domon. Ĝi nepre bezonas ĝin. RENÉ DUBOIS.

Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris — *Le Gérant*: RAYMOND SCHWARTZ.